# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto
aprilo 1998

# Varaždin



LA NOVA URBOPROSPEKTO DE VARAŽDIN

DU NOVAJ LIBROJ DE KEL PREPARATAJ

LA NOVA FAKSNUMERO DE KEL +385/0/1 48 17 067

LA ADRESARO DE LA E-ORGANIZOJ EN KROATIO

## LA DUA KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ EN VARAŽDIN

## LA 54-A INTERNACIA JUNULARA KONGRESO EN RIJEKA

## *Karaj legantoj!*

En printempo 1998 ni atendas la decidon de Universala Esperanto-Asocio pri la elekto de la kongresa urbo por la jaro 2000. La kandidatoj por la gastigo de la kongreso estas konataj: Tel Aviv kaj Zagreb konkurencas. Espereble la estraro de UEA decidos dum la aprila kunsido por ke la elektota urbo povu plenforte eklabori.

Zagreb jam faris multajn antaŭpreparojn. Interalie, la urba oficejo pri kulturo disponigis, dum unu tago, kaze ke Zagreb gastigos la kongreson, la ĉefan muziksalonon *Vatroslav Lisinski* kun 2000 lokoj senpage al la UK. Pri la ejoj ni nun traktas kun Ministerio pri ekonomio kaj pluraj aliaj instancoj. Kroatio jam preparis la Esperantan poŝtmarkon kaj la specialan Esperantan moneron. Vi legos en tiu numero pri la detaloj pri la preparo de la Esperanta telefonkarto. Ĉi-jare ni eldonos du librojn en Esperanto, samkiel KEL faris lastjare. KEL kun la helpo de *Orbis Pictus* organizas busan karavanon al UK en Francio por partoprenigi kiel eble plej multajn partoprenantojn el Kroatio kaj ebligi al ili koni la kongresajn spertojn je la flanko de kongresanoj. La agentejo *Generalturist* estas la aŭspicianto de la aŭtobuso kiu planas kunligi la du somerajn kongresajn urbojn Rijeka kaj Montpellier. Pluraj lokoj jam estas rezervitaj sed ankaŭ por vi la loko disponeblas, se vi deziras kunveturi. La karavano proponas la eblecon post la UK en Francio porti kongresanojn al la direkto de Kroatio por pluraj Esperanto-aranĝoj.




Ni "ekzercas" ankaŭ diversajn organizajn problemojn preparante la ĉi-jaran Internacian Junularan Kongreson en Rijeka. En la preparoj de IJK partoprenas ampleksa teamo en du urboj Rijeka kaj Zagreb.

Ni trovas tempon por ordigi nian ĉefan bibliotekon, tiun de Esperanto-Societo "Bude Borjan" en Zagreb kaj klopodas havi ĉiun semajnon interesan prelegon lige al Esperanto aŭ en Esperanto.

Pli ol tridek homoj aktuale lernas Esperanton en Zagreb kaj tiom en Osijek.

Ĵurnalistoj estas niaj oftaj gastoj. Ni sukcesis lanĉi filmon pri problemo de infanoj kun handikapo.

Pri ĉio ĉi vi legos sur la sekvontaj paĝoj.

**S. Štimec**

## La kongresa ĉefprelego - nacilingve

*Kolo* - rondodanco, la gazeto de la prestiĝa organizo *Matica hrvatska* represis en sia lasta numero por 1997 la tutan kongresan prelegon de D-ro Dalibor Brozović, prezidanto de Kroata Esperanto-Ligo. *Kolo* citas ke la referaĵo estis prezentita dum la Unua kongreso de kroataj esperantistoj en Zagreb kaj presita en Esperanto en *Tempo* IX/97.

Unu el la kongresaj partoprenintoj Vaszko Katarina el Hungario hungarigis la prelegon sed ne ankoraŭ publikigis ĝin en Hungario.




*Tempo*
Jaro XII, numero 1/98
Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Aperas laŭeble kvar foje jare
Eldonas Kroata Esperanto-Ligo
ISSN 0352-1583

*Redakcio:*
Amruševa 5/1
HR-10000 Zagreb
Tel: +(385 1) 4810152
Fakso: +(385 1)4817067
Reto: esperanto@zg.tel.hr

**Redaktoro**: Spomenka Štimec
**Kontribuis**: Ana Berc, Sanja Bokulić, Ivo Borovečki, Višnja Branković, Marijan Cecić, Faruk Islamović, Tea Janković, Vida Jerman, Vladimir Kamenski, Nedjeljko Korasić, Zlatko Lončarić, Ivan Munić, Gunnar Nilsson, Spomenka Štimec, Maja Tišljar,

**Kompostis kaj presis**: Libro-TIM.

**Anonc-tarifo**:
1/1 paĝo 800 kn, 1/2 paĝo 400 kn, 1/3 paĝo 200 kn, 1/8 paĝo 100 kn. Eta anonco 50 kn.
(Kovrilpaĝo duoble).
Abono:
4 numeroj jare 35 kn (10 DEM)
unuopa numero 10 kn (3 DEM)
Bv. aldoni sendokostojn.

La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la susbskribitaj tekstoj.
Redakcija ne odgovara za mišljenja iznesena u potpisanim člancima.

# La nova prezidantaro, la nova nomo de KEL

Konforme al la nova leĝo pri asocioj en Kroatio, Kroatia Esperanto-Ligo havis sian jarkunvenon la 13-an de decembro 1998 kaj entreprenis necesajn paŝojn por la registriĝo de la Asocio ĉe la Ministerio de la Administrado.

Dum la jarkunveno okazis voĉdonoj pri la nova prezidantaro de KEL kaj la voĉdonoj pri la ŝanĝo de la nomo de la asocio. La nova nomo de la asocio estas Kroata Esperanto-Ligo. La nova nomo ekfunkcios tuj post la registriĝo en la Ministerio.




La Prezidantaro de KEL konsistas el jenaj membroj: prezidanto Dalibor Brozović, vicprezidantoj Zlata Flego, Vjekoslav Morankić, Radenko Milošević, sekretario Spomenka Štimec, membroj Ankica Jagnjić, Vida Jerman, Zlatko Lončarić, Ljerka Stilinović, Judita Rey-Hudeček, Dalibor Šeatović.

Dum la unuaj monatoj de la jaro 1998 aparte elstaris la laboro de du novaj membroj de la prezidantaro: vicprezidanto Zlata Flego gvidas grandan laboron pri la reorganizo de la biblioteko en Esperanto-Societo "Bude Borjan".

Nova membro de la prezidantaro Zlatko Lončarić el Osijek eklaboris per granda energio, kio rezultiĝis en kelkaj pluraj akiraĵoj por la societo "Liberiga Stelo" en Osijek pri kiuj ni aparte raportas.

## ESPERANTO-ORGANIZOJ EN KROATIO

Konforme al la nova leĝo Esperanto-organizoj en Kroatio denove registriĝis.
Jen iliaj adresoj:

1. *Esperanto-Societo Rijeka,*
51000 Rijeka,Korzo 2a,
prez. Vjekoslav Morankić

2. *Esperanto-Societo "Božidar Vančik",*
42000 Varaždin, Trakošćanska 24,
prez. Vilim Pap

3. *Esperanto-Societo "Liberiga Stelo",*
31000 Osijek p.p. 27,
prez Zlatko Lonačrić

4. *Esperanto-Societo,*
21000 Split, Stepinčeva 29,
prez. Davor Grgat

5. *Societo por Esperanto "Dinko Šimunović",*
21230 Sinj, Pavića klanac bb
prez. Tomislav Grčić

6. *Esperanto-Asocio "Viktor Mihovilić",*
47000 Karlovac, Sarajevska 3
prez. Ćiril Stojanov

7. *Esperanto-Societo "Bude Borjan",*
10000 Zagreb, Amruševa 5,
prez. Anto Mlinar

8. *Studenta Esperanto-Klubo,*
10000 Zagreb, Amruševa 5,
prez. Faruk Islamović

9. *Kroatia Esperanto-Junulara Asocio,*
10000 Zagreb, Amruševa 5,
prez. Tea Janković

10. *Kroata Fervojista Esperanto-Asocio,*
10000 Zagreb. Mihanovićeva 12,
prez. Marica Brletić

Atentigo: Eskter Zagreb siajn ejojn havas nur la societoj en Rijeka, Varaĵdin kaj Osijek. En aliaj lokoj la kontaktadreso estas la adreso de la prezidanto.

## FILIOJ DE KEL

La nova statuto de KEL ebligas la oficialan registron de teritoriaj aŭ fakaj Esperanto-organizoj ankaŭ en tiuj regionoj, kie ne ekzistas Esperanto-kluboj, sed kie ekzistas minimume kvin esperantistoj.

KEL aktuale entreprenas la paŝojn por registri siajn filiojn en la jenaj lokoj:

1. Departamento Bjelovarsko-bilogorska
prezidanto Ljerka Stilinović
Vlatka Mačeka 29
43000 Bjelovar tel. 043-246202

2. Departamento Koprivničko-križevačka
prezidanto Josip Pleadin
Grkinska 1
48350 Đurđevac tel. 048- 814 630

3. Departamento Međimurska
prezidanto Alen Mudri
Jakova Gotovca 1
40000 Čakovec tel. 040- 313 103

4. Departamento Istarska
prezidanto Ivo Borovečki
Kolodvorska 2
52000 Pula tel. 052 -22 125

## Pri KEU

Kroata Esperanto-Ligo donis la konsilon al Kroata Esperantista Unuiĝo registri la organizon kun aldona atributo en la nomo de la organizo (ekz. katolika). Tiel en kaj eksterlande oni povus pli klare distingi inter la asocioj Kroata Esperanto-Ligo kaj Kroata Esperantista Unuiĝo.

En la jaro kiam KEL, kiel Landa Asocio de UEA atendas la proklamon por la gastigo de la Universala Kongreso de UEA en Zagreb, la distingiĝo inter la unuopaj organizoj estas aparte grava.

# Varaždin invitas vin!

# LA DUA KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ





Kiam? La 31-an de majo 1998
Kie? La kongresejo: Županijska dvorana, Franjevački trg 7-I
Aŭspicianto: la loka gazeto "Varaždinske vijesti"

**La kongresa temo: Esperanto en Kroatio, Esperanto kaj Kroatio - hodiaŭ kaj morgaŭ**

La adreso de la societejo:
HR-42000 Varaždin
Trakošćanska 24

Esperanto-Societo "Božidar Vančik" el Varaždin revigliĝis en 1997 kaj transprenis gravan taskon: organizi la duan kongreson de kroataj esperantistoj.

La societo portas la nomon de la fama kroata esperantisto kaj tradukisto Božidar Vančik (1909 - 1970), kies originala poemo *Al abortita ido* estas reprezentita en la Esperanta Antologio.

Estas traktate kun la urbestro de la apuda Varaždinske Toplice, ke tiu fama banloko el la romia epoko okaze de la Esperanto-kongreso en la regiono ricevu la straton de Danica Bedeković-Pobjenička, la virino kiu pioniris pri Esperanto en Kroatio. Ŝi estis la aŭtoro de la unua lernolibro de Esperanto por kroatoj kaj redaktoro de "Kroata Esperantisto" (1908-1911).

Esperantistoj el Varaždin invitas interesitojn el foraj lokoj alveni jam tagon antaŭ la kongreso. La varaĵdinanoj por tranokti la nokton antaŭ la kongreso al siaj gastoj el malproksimo ofertas siajn hejmojn.

La kerno de la organiza komitato estas: Vilim Pap, prezidanto, Snježana Rusman - sekretario kaj Željka Ivić - kasisto.

Okaze de la kongreso la urba Turisma Oficejo presis belan prospekton de Varaždin, kiu ornamas nian titolpaĝon.

En la programo:
- Honore al 90 jaroj de Esperanto en Kroatio Lanĉo de la antologio de la kroata milita poemaro *En tiu terura momento*
- Lanĉo de la infanlibro *Mirindaj aventuroj de metillernanto Hlapiĉ* de Ivana Brlić-Mažuranić, tradukita de Maja Tišljar
- Lanĉo de la nova turisma prospekto pri Varaždin
- Urbotrarigardo
- Meso en Esperanto
- Ekspozicio de porinfanaj libroj en Esperanto
- La ronda tablo pri Esperanto en Kroatio
- Koktelo kun la produktoj el Varaždin
- Vino el la kelo de Stanko Rukelj

# Internacia Junulara Kongreso - IJK - en Rijeka

Sanja Bokulić

Rijeka, la urbo de la 54-a Internacia Junulara Kongreso gastigeme prepariĝas por la akcepto de junaj kongresantoj.

La ĉiam aktuala kongresa temo "Amaskomunikiloj- kreantoj de amaskulturo" venigos interesajn kaj aŭskultindajn personojn diversfakajn. Distra kaj vespera programo garantias bonan amuziĝon eĉ al la plej elektemaj partoprenantoj.

Nia Kongreso havas kuriozaĵon; ĝi transiras la limojn de Esperanta komunumo kaj malfermiĝas al la ĝenerala publiko. Tiucele multe helpas RKK, pli juna frato de LKK. Rijekaa Kongresa Komitato, paralela kunorganizanto, kunigis fakulojn el Urba Registaro, Turisma Komunumo kaj Universitato de Rijeka kaj ni ĉiuj prizorgadas diversajn organizajn segmentojn.

Kio ankoraŭ faras iun kongreson bona? Certe menciindas "loĝado-manĝado" la ero pri kiu garantias spertaj kolegoj el Studenta Domo kun tridekjara tradicio kiuj promesas kontentigi ĉiujn gustospecojn.

Ofertotaj unutagaj ekskursoj malkovras al vizitantoj tri el multaj vidindaĵoj de la pitoreska lando Kroatio. Duontagaj ekskursoj prezentos al vi la gastigeman kongresan urbon kaj allogajn turismajn centrojn je la Kvarnera Riviero.

Prepariĝis ankaŭ *La Kongresa Tempo*, la nula numero de oficiala infuilo de la IJK. Se la deksespaĝa antaŭkongresa legaĵo ankoraŭ ne atingis vin, petu ekzempleron ĉe la organizantoj. Bonvenon!

La LKK-adresoj: KEJA Amruševa 5/1, HR-10000 Zagreb kaj
Sanja Bokulić Brestovice 12, HR-51215 Kastav
Tel: +385/51/224720, Fakso: +385/51/224710




IJK 25/7 - 1/8 1998

### IJK - statistiko

Ĝis aprilo aliĝis 167 kongresanoj el 27 landoj. Plej multaj ekstereŭropaj aliĝoj venis el Irano. El Afriko sian alvenon anoncis niĝerianoj. El Okcidenta Eŭropo plej multnombraj estas germanoj kaj el Orienta Eŭropo rusoj.

V. Kamenski

## E-KURSO EN REVUO PRI ENIGMADO

En *Feniks*, revuo pri enigmado eldonata de *Novi list*, amaskomunikila aŭspicianto de la 54-a Internacia Junulara Kongreso, legantoj el tuta Kroatio povas konatiĝi pri Esperanto. La kurson verkas Spomenka Štimec kaj ĝi daŭros ĝis la komenco de la Kongreso.Por la sendintoj de ĝustaj respondoj unufoje monate oni lotumas belajn premiojn kaj ĉiuj konkuras por la ĉefa premio; senpaga partopreno en la IJK en Rijeka ĉisomere.




Postkongresa aperado de E-paĝo en *Feniks* multe dependas de respondo de legantoj - serĉu la revuon kaj partoprenu, rekomendu al viaj konatuloj en- kaj eksterlandaj. Sufiĉas eĉ karto kun kelkaj salutvortoj. La adreso de la redakcio: *Feniks*, Zvonimirova 20a, 51000 Rijeka "Za Feniksov tečaj esperanta"

S. Bokulić

Kiel subteno al la preparoj de ĉi-jara IJK la Kroata Pošto donacis al Amruševa ankoraŭ unu telefonlinion kiun oni uzas nur por faksoj: +385/1/4817067

# La 5-a MIRo

La temo de la ĉi-jara MIRo estas maro. Tio kongruas kun la fakto ke la jaro 1998 estas la jaro de oceano. Pliaj lumbildkaj video-prelegoj kaj multaj interesaj esplorlaborgrupoj pritraktos diversajn aspektojn de maro kiel vivmedio kaj ĝiaj influoj al la evoluo de arkitekturo, ŝipkonstruado, legendoj kaj aliaj partoj de popolkulturo. Krom la temaj programeroj okazos diversaj distraj laborgrupoj kaj sportaĵoj sur tuj apudaj sportejoj kaj plaĝoj. Vespera programo inkluzivas la prezentadon de nova teatraĵo de Studenta Esperanto Klubo kaj ĉiuvesperaj prezentadoj de konata Zagreba skolo de bildstrifilmoj. La kreiĝon de bona etoso dum la renkontiĝo certe helpos muziktrinkejo kaj fiŝvespero kiun la partoprenontoj mem preparos. Kiel ĉiam, okazos ankaŭ ekskurso en la ĉirkaŭaĵo, ĉi-jare perŝipe.

Venu kaj ĝuu la 5an MIRon kun alia cento da partoprenontoj!

A.B, I.M.

**miro info**

| | |
|---|---|
| MIRo | Mara Internacia Renkontiĝo |
| organizo | Kroatia Esperanto Junulara Asocio |
| loko | Savudrija Kroatio |
| tempo | de la 21a ĝis la 25a de julio 1998 |
| temo | maro |
| ĉeforganizanto | Ivan Munić |
| programo | Ana Beroš |
| sporto | Nenad Pelikan |
| ekskurso | Tomislav Divjak, Mila Bečka |
| muziktrinkejo | Katarina Roša, Mila Bečka, Guillaume Lanier, |
| varbmaterialoj | Ana Berc |
| financoj | Dalibor Oršulić |

## NOVA JUNULARA ASOCIO EN KROATIO

Kroatia Esperanto-Junulara Asocio kaj sep aliaj junularaj organizoj el Kroatio kunfondis Asocion por Internacia Kunlaboro de Neŝtataj Junularaj Organizoj - EUROPOLIS.

La aliaj kunfondintoj estas Eŭropa Junulara Parlamento, Kroata Muzika Junularo, Kroata Organizo de Junaj Eŭropanoj, Junulara Klubo, Movado de Junaj Katolikoj - POMAK, Studenta Asocio por Unuiĝinta Eŭropo kaj Ligo de Skoltaj Taĉmentoj de Zagrebo.

Membroj de EUROPOLIS povas esti nur neŝtataj kaj nepartiaj organizoj kies tegmentaj asocioj jam membras en Eŭropa Junulara Forumo. Tiusence oni celas nepolitikan agadon kaj internacian kunlaboron de junularaj organizoj.

Aktivecojn de EUROPOLIS oni povas dividi je du ĉefaj grupoj: projektoj de EUROPOLIS mem, kaj projektoj de membro-asocioj kun subteno de EUROPOLIS.

Faruk Islamović

# SPOMENKA ŠTIMEC ELEKTITA EN LA AKADEMION DE ESPERANTO

Ivo Borovečki

**Meze de marto atingis Zagrebon ĝoja novaĵo: post kvardek ses jaroj denove unu kroata esperantisto fariĝis membro deAkademio. Laŭ la Statuto de la Akademio ĉijare ŝanĝiĝis triono de la akademianoj. Por 17 lokoj en la Akademio kandidatis 28 personoj, kaj post la fino de la elektoj ni eksciis ke inter la novaj akademianoj troviĝas ankaŭ elstara kroata esperantista aktivulo kaj renoma verkistino Spomenka Ŝtimec.**

En la historio de la ĉefa lingva institucio de la Esperanto-Movado nur du kroataj esperantistoj havis la honoron fariĝi membroj de la Akademio. En la jaro 1946 fariĝis akademiano mondfama tradukanto kaj brila oratoro Ivo Rotkvić, kiu jam en la jaro 1936 estis membro de la lingva komitato. D-ro Ivo Lapenna, la ĉefa konstruanto de la moderna Esperanto-Movado, elstara juristo kaj universitata profesoro (Zagreb, Londono) fariĝis akademiano en 1952. Post la morto de Ivo Rotkvić en 1983 kaj de Lapenna en 1987, la Akademio restis sen membroj el Kroatio. Tial la elekto de Spomenka Štimec prezentas gravan rekonon kaj por la nova akademiano, kaj por la kroata Esperanto-Movado.

Spomenka Štimec jam pli ol tridek jaroj fervore aktivas en nia kultura movado. Post la diplomiĝo pri la germana kaj franca lingvoj ĉe la Filozofia fakultato en Zagreb, ŝi profesie okupiĝis pri Esperanto en la kadro de Internacia Kultura Servo (1972-1994), kaj poste kiel sekretario de Kroata Esperanto-Ligo. Ekster tiu organiza laboro ŝi famiĝis kiel verkistino publikiginte en Esperanto sep verkojn (romanoj, rakontoj, vojaĝlibroj).

Estas konate ke la tasko de la Akademio estas "konservi kaj protekti la lingvon Esperanto laŭ Fundamento kaj esplori ĉiajn lingvajn demandojn". Akademio de Esperanto havis (antaŭ la lastaj elektoj) 44 membrojn el 24 landoj. Estas menciinde ke du trionoj el ĝia membraro apartenas al la ĝermana kaj romanida lingvofamilioj, kaj nur unu triono al ĉiuj aliaj lingvofamilioj. Pro tio unu plia membro el la slava lingvofamilio estas des pli bonvena.

La kroata esperantistaro tutkore gratulas la novan kroatan akademianon dezirante al ŝi plenan sukceson en la Akademio de Esperanto.

AKADEMIO DE ESPERANTO
de 1905 sendependa lingva institucio

# Miro Gavran tradukita en la persan!

**Konata kroata dramisto kiu per sia fama dramo *La amoj de Georgo Washington* estis reprezentita en la *Antologio de kroataj unuaktaj dramoj* estis per Esperanto tradukita en la persan lingvon.**



La tradukinto estas la teherana tradukantino Akhtar Etemadi. Ŝi proponis al la irana porvirina gazeto *Zanan* (Virinoj) eldoni la verkon, sed ĝi ankoraŭ ne estis publikigita.

Tio estas la unua traduko de la verko de Miro Gavran al iu azia lingvo. Akhtar Etemadi ekkonis la verkon de Miro Gavran post kiam la nova kroata antologio estis prezentita en UK en Aŭstralio. Post la UK la aŭstralia verkisto Trevor Steele angligis la verkon.

Ne estas la unuan fojon ke Esperanto helpas ponti la kroatan kulturon al la direkto de Azio. La plejsukcesa tiusenca ponto nepre estis la ĉinigo de la kroata romano *Ano de l' ringludo* de Dinko Šimunović.



# Viglo en Osijek

La Esperanto-Societo "Liberiga Stelo" komencis la jaron 1998 per ĝojiga novaĵo: de la urbaj instacoj esperantistoj, post plurjara vivo sen la propraj ejoj ricevis la novan ejon. Ĝi estas en la urbocentro mem, en la fama Tvrđa. La ejon esperantistoj dividas kun ŝaĥistoj. La adreso de la nova Esperanto-ejo estas *Kamila Firingera 3, 31000 Osijek.*

La urbo same disponigis al esperantistoj la novan urban montrofenestron, tiel ke inter diversaj urbaj novaĵoj aperos ankaŭ tiuj pri Esperanto.

En marto komenciĝis la nova Esperanto-kurso por dudeko da gejunuloj. Dum du martaj semajnfinoj tridekon da komencantoj instruis Ljiljana Srdić. Osijek esperas povi sendi kelkajn junulojn al la Internacia Junulara Kongreso en Rijeka.

Okaze de la mortotago de Zamenhof, la 13-an de aprilo 1998, Esperanto-Societo "Liberiga Stelo" ricevis multajn skribajn salutojn. (La poŝtadreso plue restis Esperanto-Societo "Liberiga Stelo" pp 27, HR-31000 Osijek.)

## Split aktiviĝas



Post la registriĝo de la Esperanto-Klubo en Split komenciĝis pluraj aktivecoj. Prezidanto de la klubo estas Davor Grgat. Post kelkjara paŭzo en Split ekfunkciis la kurso por komencantoj-studentoj el kiuj kelkaj intencas partopreni la ĉi-jaran IJK en Rijeka. La kursgvidanto estas Marijan Cecić.

Profesoro en la Jura Fakultato en Split Ivo Osibov, iama prezidanto de TEJO, festparolos en IJK en Rijeka okaze de 60 jaroj de TEJO.

## Ponto - teatra trupo de Vida Jerman

Zagreba aktorino Vida Jerman kun la grupo de artistoj fondis la teatran trupon Ponto. La teatra trupo estas registrita pri la Ministerio pri kulturo kaj Vida Jerman estis elektita por la arta direktoro kaj respondenculo por reprezentado de Ponto.

La arta organizaĵo Ponto preparas kaj prezentas teatraĵojn de enlandaj kaj eksterlandaj aŭtoroj en kelkaj lingvoj. Ĝi organizas, precipe en Esperanto, la teatraĵojn kaj recitalojn kaj eldonas materialojn lige al la agado de Ponto. Ĝi intencas esti ponto inter diversaj landoj kaj kulturoj kaj tial ĝi portas la Esperantan nomon.

V. Jerman

Ni elkore dankas al *Zavod za platni promet - Središnji ured Zagreb* pro la financa subteno kiu daŭre ebligis eldonadon de nia gazeto *Tempo*

## Vitra Muzeo gastis en Zagreb

Frank Ubik, esperantisto el Germanio estis unu el la feriantoj dum la familia renkontiĝo REF okazinta en la somero 1997 en Savudrija. En februaro 1998 li revenis ofice al Zagreb, kiel akompananto de la ekspozicio pri la plej famaj seĝoj de la mondo.

La ekspoziicio estis malfermita la 5-an de februaro en la prestiĝa zagreba Muzej za umjetnost i obrt. Ĵurnalistoj, vaste informinte pri la famaj mondaj seĝoj kiuj vizitis Zagreb, informis interalie pri Ubik kiel esperantisto kiu "scias kiun ĉi-urbe viziti post la ekspoziciaj horoj". Tiel la gastado de Vitra Design Muzeo en Zagreb helpis al ni multajn homojn informi pri la internacia valoro de Esperanto. La seĝoj de VITRA ĉefartikolis interalie ankaŭ sur la titolpaĝoj de "Večernji list"

Honore al Dragutin Balagović
( Zagreb 1933 - Zagreb 1997)



### Memore al Dragutin

Via gaja rideto restas
sur la vojo sunlumigita
Vi atingis la pordon de l' vivo
eterna kaj plenspirinta.

Via animo nin akompanos
al la suna pordo de l' espera kredo
kaj printempaj betuloj rakontos
la riĉecon de via heredo.

Gunnar Nilsson

# EN TIU TERURA MOMENTO

**estas la titolo de la multe tradukata kolekto de la primilita poezio el Kroatio. En la jaro 1998 post 18 eldonoj en diversaj lingvoj de la mondo aperos la angla, la korea, la turka kaj la Esperanta tradukoj de la antologio.**

La antologion redaktis D-roj Ivo Sanader kaj Ante Stamać. La enkondukon por la Esperantaj legantoj pri la plej multe tradukata kroata libro, kiu per la voĉoj de la poetoj atestas pri la kruela milito kiu multe suferigis Kroation, verkis prezidanto de KEL, akademiano Dalibor Brozović.

La tuta aro da kroataj tradukintoj laboris por prepari la verkon en Esperanto. Plej multajn poemojn - preskaŭ 50 tradukis **Lucija Borčić**. Aliaj tradukintoj estis **Krešimir Barković, Ivo Borovečki, Ljiljana Bronić, Dušanka Halužan, Melanija Grgić, Ankica Jagnjić, Janja Kelava, Neven Mrzlečki, Marko Petrović, Nikola Rašić, Zora Heide, Mirjana Žeželj**. Zora Heide tradukis en sia nuna loĝloko en Rejkjaviko, Barković en Parizo, Rašić en Roterdamo. .. La organizan kaj redaktan laboron faris Spomenka Štimec.

La tutan laboron por aperigi la libron faris esperantistoj: enkomputiligis Ljiljana Srdić kaj presas la libron Libro TIM.

Al tiu grava eldono de Kroata Esperanto-Ligo helpas la fama kroata eldonejo *Školska knjiga.*

La lanĉo de la verko okazos dum la Dua kongreso de kroataj esperantistoj en Varaždin.

## Esperanto-Societo "Bude Borjan"

### verkisto, kursoj, vojaĝoj, libro-heredaĵo



la 28-an de januaro gastigis raran gaston - Joža Horvat, populara kroata mondvojaĝanto kaj verkisto gastis por la Esperanta publiko. Li parolis pri siaj vojaĝoj ĉirkaŭ la mondo. En la fokuso de liaj rakontoj estis lia verko *Wakajtapu* kiun esperantigis Zlatko Tišljar. La sama tradukinto esperantigis ankaŭ alian verkon de Joža Horvat - *Kato sub la kasko.* En la diskuto partoprenis ankaŭ la edzino de la verkisto kaj lia akompananto tra la mondo, Renata Horvat.

En la klubo momente funkcias pluraj kursoj: finiĝis B-kurso gvidita de Spomenka Štimec kaj komenciĝis la nova B-kurso por 12 kursanoj. En C-kurso oni lernas per la libro de W. Auld *Paŝoj al plena posedo.* A-kurson gvidas Vera Repac - Roknić.

La plej juna generacio de kursanoj ricevis subvencion de la urba instanco pri edukado por Paske partopreni en Brita Esperanto-Kongreso en Chester kun la kroata recitprogramo.

Pluraj membroj de la societo ordigas riĉan Esperanto-Bibliotekon en kiu estis katalogitaj 1350 titoloj ĝis la jaro 1982. Pri tiu laboro kadre de la UEA-agado "Savu la heredaĵon" la 5-an de marto vaste raportis la zagreba gazeto "Večernji list". La ĉefan laboron gvidas Zlata Flego, Sava Matetić kaj Bojana Đuričić.

## Pri Esperanto en televido

### Dum februaro 1998 en Kroatio okazis tri elsendoj pri Esperanto en televido.

D-ro Ivo Borovečki estis la 19-an de februaro 1998 en TV-Nova (la TV en Istrio) unu el kvar gastoj pri la programo dediĉita al la fama istria poeto Mate Balota. Li interalie recitis la poemon de Balota *Kaprino* en Esperanto.

Spomenka Štimec gastis en la TV programo de la zagreba televido dediĉita al la pereinta poeto René Matoušek okaze de lia naskiĝtago la 7-an de februaro. Ŝi parolis pri René kaj Esperanto. La elsendo estis filmita en Velika Gorica, kie René prezidis la Esperantan klubon dum li studis stomatologion en Zagreb.

Judita Rey-Hudeček estis gasto la 16-an de marto en la matena programo de HTV okaze de la lanĉo de la filmo iniciatita de la aŭtista knabo Ante Dudić. Ŝi prezentis la homaman laboron kaj helpon al la invalidaj infanoj kiujn ŝi prizorgas kadre de la agado de la Esperanto-Societo "Bude Borjan". La filmo reĝisorita de Petar Krelja gajnis du premiojn ĉe la Tagoj de la kroata filmo. La elsendo pri la filmo daŭris 17 minutojn.

Kun la eduka programo de HTV kaj ties redaktorino Maja Filjak Bilandžija ni traktas pri dediĉo de elsendo "Parlaonica" al la temo *antaŭjuĝoj pri Esperanto.* En la elsendo partoprenos mezlernejanoj kiuj lernas Esperanton ĉe "Bude Borjan". La reĝisoro de la programo ankaŭ parolas Esperanton - Romana Rožić. La elsendo estas antaŭvidita por aprilo 1998.

**Osijek**

***la urbo - gastiganto de la 3-a kongreso de kroataj esperantistoj en 1999***

# Sinj kaj Đurđevac

*estas la kandidatoj por la 4-a kongreso de kroataj esperantistoj*

## LA INICIATOJ DE ORBIS PICTUS

ORBIS PICTUS - La Esperanto-entrepreno de Viŝnja Brankoviŭ kun la sidejo en Triesto organizis en la lasta semajnfino de marto 1998 en la Bieno Njeguŝ de Spomenka Ŝtimec librolanĉon.

La libron de Zlatko Tiŝljar *Esperanto vivos malgraŭ la esperantistoj* kuneldonita de Interkulturo - Maribor kaj Libro TIM - Zagreb en 1997 erudicie prezentis Vinko Ošlak el Aŭstrio.

Paralele okazis lingvaj kursoj porkomencanta kaj paroliga por interesitoj.

Orbis Pictus planas unu fojon monate gasti en la Vilao Amfora en Rijeka kaj en la Bieno Njeguš en Hraščina-Trgovišće por kontribui al la pliviglîgo de la Esperanta vivo en Kroatio per funkciigo de du Esperantaj Centroj.

### Instruistoj de Esperanto serĉataj!

Orbis Pictus el Triesto serĉas salajrotajn instruistojn pri Esperanto el Kroatio. Ilia tasko estos gvidi komencantajn kaj progresigajn kursojn en la Vilao Amfora en Rijeka kaj en la La Bieno Njeguš en Zagorje kaj aktivi ĉe la projekto Esperanto-Komerca Agado, bazita je la laboro de entrepremaj instruistoj.

Interesitoj kun sperto aŭ kun la emo spertiĝi bonvolu kontakti Orbis Pictus, Via Leghissa 6, IT-34 131, tel. fakso 39-40-767875




## LA VENONTAJ PROGRAMOJ DE *ORBIS PICTUS* EN KROATIO

| Bieno *Njeguš*, Hraščina-Trgovišće | | Vilao *Amfora* |
|---|---|---|
| | **aprilo** | |
| *Turisma semajnfino*<br>*aprilo 24-26* | | *Esperanto ne estas nur lingvo*<br>*aprilo 17-19* |
| | **majo** | |
| Kongresa semajnfino<br>Memzorgejo dum la 2a kongreso de kroataj esperantistoj<br>*majo 30* | | Esperanto-Komerca Agado (EKA)<br>Kurso, elmontrado de varoj, prelegoj<br>*majo 10-16* |
| | **junio** | |
| Somera semajnfino<br>Ekskursoj: kasteloj, termalbanejoj,<br>*junio 22-29* | | Feria semajno<br>kun konversaciaj horoj laŭ BEK-kurso<br>*julio 1-7* |

Dum ĉiu aranĝo okazas porkomencantaj kaj konversaciaj kursoj.

**Novaĵoj ĉe niaj najbaroj**

## Spite al ĉio - Bosnio




Tiel nomiĝis la libro kiun Elbih el Sarajevo eldonis en 1997, per la helpo de Fundacio Caixa de Sabadell. Temas pri elekto el artikoloj kaj informoj disaŭdigitaj en la radio-elsendo "Esperanto el Sarajevo", dum ĝi elsendis en la jaroj 1994 kaj 1995.
La kolekto de artikoloj portas la enkondukan sloganon de Zamenhof "Spite al vi, barbaroj!" kaj ĝi estas plia pruvo de la valora kunlaboro inter Katalunio kaj Bosnio kaj Hercegovino.

## Recenzo

**Ivo Borovečki**

***Igre bez igrački - Ludoj sen ludiloj*** de Ana Kušić. Eldonis *Sipar*, Zagreb 1996, 103p. Eldonkvanto 700 ekzempleroj.

La verko estas dulingva kaj enhavas japaneskan poezion de aŭtoro ĝis nun ne konata en niaj literaturaj rondoj. En la unua parto de la libro troviĝas kvar ĉapitroj kun 101 hajkoj, kaj en la dua, sep hajbunoj kaj 40 hajkoj. La poemoj estas originale verkita en la kroata kaj la aŭtoro mem ilin esperantigis.

Hajko-poezio ekfloris en Japanio en la dua duono de la 17-a jarcento kaj pro sia simpleco rapide akiris vastan populare-con. Ĝi fontas el la filozofi-religia sistemo japana. Hajko-poetoj esprimas siajn pensojn kaj sentojn per priskribo de la naturo uzante koncizajn versaĵojn de nur tri versoj po 5-7-5 silaboj.

Hajbuno estas same konata versformo konsistanta el mallongaj poezi-prozaj partoj kaj hajkoj.

Hajko-poezio estas jam delonge ŝatata ankaŭ inter esperantistoj. En *Eterna Bukedo* kaj en *Tutmonda Sonoro* Kalocsay aperigis kelkajn tradukojn de japanaj hajko-poetoj. Deko da tiaj tradukoj troviĝas en *Verda parnaso* eldonita de Japana Esperanto-Instituto kaj en la verko *El Orienta Florbedo* far K. Ossaka. Originalan hajko-poezion verkas italo Aldo de Giorgi kaj polo Robert Szybiak. Kikunoba Matuba verkis en *Nica Literatura Revuo* ampleksan eseon pri la tradukado de orientaj poezioj, en kiuj li aparte prilaboris la tradukadon de hajko-poezio.

Traleginte la poemlibron de Ana Kušić oni preskaŭ ne povas kredi ke temas pri ŝia unua publikigita verko. Ŝiaj hajkoj kaptas la atenton de la leganto per la abundo de la motivoj ĉerpitaj el la naturo aŭ el la etaj aferoj de la ĉiutaga vivo. Ŝi sukcesas elvoki emociojn per siaj versoj plenaj de miniaturaj artpentraĵoj esprimitaj per ĉarmaj kaj ofte neatenditaj naturkrokizoj. Oni devas admiri la riĉecon de ŝia poezia vortprovizo kaj kroatlingva kaj Esperanta. Jen tri karakterizaj ekzemploj el ŝia hajko-trezoro:




Kraj trulog panja
zaboravila bujica
divjake i žir.

Griju se i maze
u poderanom džepu
ključevi i maramica.

Na lomači šiblja
grče se rese lijeske
i plaču rozge..

Apud la putra ŝtipo
forgesis la torento
pometojn kaj glanojn.

Varmiĝas kaj sin karesas
en disŝirita poŝo
ŝlosiloj kaj naztuko.

Sur verga punfajro
kramfas avelarbaj ametoj
kaj ploras vitvergoj.

Kompare kun la japanaj hajkoj ŝia kroatlingva kaj Esperanta hajkoverso estas multe pli libera. La koncizeco de la japana hajko-poezio ŝuldiĝas al la fakto ke japana lingvo ne havas karakterizan akcenton, nek ĝi havas rimon.

Ankaŭ la hajbunoj de la aŭtoro plenas je beleco de valora proza poezio riĉigita per hajkoj majstre enkomponitaj en la tekston. Mi elektis por vi mallongan specimenon el ŝia hajbuno *Abela civito:*

Odore floras kaj zumas fagopiro, el lipharaj maizkampoj kaŝrigardas inertaj kukurboj, grilas ondiĝanta greno kaj buntkolora herbejo.

Tutan herbejon portas sur gambetoj
abelo en abelujon.

Kiom da herbejoj, arbaroj, akacioj, sambukoj povas esti en abelujo, kiom da eniroj en florkalikojn al kiuj enspriĝis idaro dum mallonga vivo de abelino.
Nube faldita ĉielo, abelinoj rapideme revenas de rikolto kun oranĝkoloraj korbetoj akompanataj de propra muziko.
Tiklata vente
ĝis larmoj nubo ridegas
mi malfermas pluvombrelon.

Dezirante protekti ĉiujn abelojn ekster la abelujoj kaj ... mi sentas konatan doloron en la mano - pikilon.

Mi povas plenrajte diri ke per sia unua poemlibro Ana Kušić pliriĉigis kaj la kroatan kaj la Esperantan literaturon per tre valora kaj promesplena verko. Pro tio mi tutkore rekomendas ŝian libron al la esperantistaj legantoj, kaj precipe al la poezi-amantoj.



Ivana Brlić Mažuranić (1874 - 1938)

# MIRINDAJ AVENTUROJ DE LA METILERNANTO HLAPIĈ

## LA METILERNANTO HLAPIĈ

Estis iu eta ŝufarista metilernanto, kiu havis nek patron nek patrinon. Li nomiĝis Hlapiĉ.

Hlapiĉ estis ankoraŭ eta kaj ĝoja kiel birdo. Tuttage li sidis en disŝirita pantalono kaj ruĝa ĉemizo sur malgranda, ŝufarista seĝo, kiu havis tri krurojn kaj dum la tuta tago li enbatis lignonajlojn en botojn kaj kudris ŝuojn. Tuttage li kantadis kaj fajfadis laborante.

Mastro de Hlapiĉ nomiĝis Mrkonja kaj li estis malbona kaj timiga. Tiom granda li estis ke lia kapo atingis plafonon en ilia malgranda ĉambro. Li havis hirtajn harojn kiel leono kaj lipharojn longajn ĝis la ŝultroj. Lia voĉo estis tiom forta kaj granda kiel ĉe urso.

Majstro Mrkonja havis foje dum la vivo ege malgajan travivaĵon kaj de tiam li estis tre malbonkora. Kia malfeliĉo trafis la majstron Mrkonja evidentiĝos multe pli poste en tiu ĉi libro.

Majstro Mrkonja estis do malbonkora kaj tre maljusta kaj li insultis kaj kriis al Hlapiĉ kiam ajn li estis malbonhumora.

La majstrino estis tre bona. Ankaŭ ŝin trafis la sama malĝojiga okazaĵo kiel la majstron Mrkonja. Sed ŝi de tiam iĝis ankoraŭ pli bona kaj ŝi havis tre bonan koron. Ŝi tre ŝatis Hlapiĉ. Sed ankaŭ ŝi timis majstron Mrkonja. Kiam ajn ŝi portis al Hlapiĉ freŝan panon, ŝi ĉiam kaŝis ĝin sub la antaŭtukon ke la majstro ne vidu ĉar li estis ordoninta ke al Hlapiĉ oni donu malmolan kaj malnovan panon sed la majstrino sciis ke Hlapiĉ volonte manĝas molan paneton.

Hlapiĉ havis nur unu disŝiritan pantalonon kaj unu plian kiun la majstrino kudris por li el verda tolaĵo. Tiu tolaĵo restis de verda antaŭtuko de la majstro kaj li ordonis al sia edzino ke ŝi faru el ĝi pantalonon por Hlapiĉ. Hlapiĉ havis en tiu pantalono krurojn verdajn kiel rano kaj pro tio li ne volonte surmetis ĝin ĉar aliaj metilernantoj primokis lin. Majstro Mrkonja ordonis ke li devas surmeti la pantalonon dimanĉe. Hlapiĉ estis ĉiam bonhumora kaj kiam li komprenis ke li devas porti tiun pantalonon, li ankaŭ mem ekŝercis. Li kvakadis "kre-kre" kiel rano kiam ajn li surmetis la pantalonon.

Kiam aliaj metilernantoj vidis ke Hlapiĉ ŝercas, ili ne plu primokis lin, sed anstataŭe ili ludis kun li dimanĉe kaj ili tre ŝatis lin. Majstro Mrkonja ne rajtis vidi ke Hlapiĉ ludas ĉar li tuj pelus lin hejmen.

Tiel vivis Hlapiĉ ĉe majstro Mrkonja kaj li ne fartis bone. Sed li tamen estus kiu scias kiom longe restinta tie, se ne estus okazinta io kio lin ege malĝojigis.

## BOTETOJ

Iu riĉa sinjoro mendis de majstro Mrkonja botetojn por sia eta filo.

La botetoj estis tre belaj. Iliaj flankledoj brilis kiel suno. Hlapiĉ mem enbatis la lignonajlojn en la botojn. Sed kiam la sinjoro venis kun sia filo preni la botojn kaj la filo surmetis ilin, la botoj malbonŝance estis tro malgrandaj. Pro tio la sinjoro nek volis preni nek pagi la botojn kaj majstro Mrkonja kverelis kun li. La sinjoro malgraŭ tio ne volis preni kaj pagi la botojn.

Kiam la sinjoro foriris, majstro Mrkonja ekfuriozis kaj kriis kontraŭ Hlapiĉ:

"Vi, malbonulo, kulpas! Vi maldiligentulo! Vi sentaŭgulo! Vi kulpas ke la botoj estas tro malgrandaj!" Terure kriis Mrkonja. Tiam li kaptis la botetojn kaj batis per ili la dorson de Hlapiĉ. Tio estis tro maljusta ĉar la majstro mem tajlis la botojn kaj do Hlapiĉ ne kulpis ke ili estis tro malgrandaj. Sed kiam majstro Mrkonja koleris, li ne sciis kio estas ĝusta kaj kio malĝusta.

Li do batis Hlapiĉ sur la dorso, ĵetis la botojn en angulon kaj diris al sia edzino: "Morgaŭ vi ĵetos ilin en la fajron. Mi ne plu volas vidi tiujn botojn." Tiam li turniĝis kiel leono al Hlapiĉ kaj timigis lin perpugne kaj per sia tondra voĉo: "La botoj forbrulos, sed vi, maldiligentulo, ankoraŭ pagos pro tio." Tio signifis ke Hlapiĉ ankoraŭ estos batita pro la botoj.

Kiam Hlapiĉ vespere tiun tagon iris dormi, li nek fajfis nek kantis kiel kutime, sed li pri io pensis.

Hlapiĉ dormis en la kuirejo, surplanke, apud kuirforno. Tie li havis malmolan pajlomatracon, disŝiritan kovrilon kaj kandelpeceton enpikitan en terpomon ĉar li ne havis kandelingon.

Kuŝiĝis do Hlapiĉ sur sian pajlomatracon, estingis la kandelon kiu ankoraŭ iom elrigardis el la terpomo kaj ekpensis. Pensis Hlapiĉ kaj pensis kaj tiam li decidis dumnokte forkuri de majstro Mrkonja kaj foriri en la malproksiman mondon. Kvankam tio ne estis facila kaj ankaŭ estis danĝera, tamen Hlapiĉ faris ĝin. Kion ja servisto povas imagi, tion li povas ankaŭ realigi.

*(fragmento)*

*tradukis Maja Tišljar*




# INTERNACIA JUNULARA KONGRESO

## de la 25a de julio ĝis la 1a de aŭgusto, 1998

## Rijeka, Kroatio




TEJO dum la IJK en Rijeka estos sesdekjara!

esperanto@zg.tel.hr
esperanto-ri@ri.tel.hr

ESPERANTO - LA INTERNACIA LINGVO

ESPERANTO - MEĐUNARODNI JEZIK

http:// pubwww.srce.hr/keja
Amruševa 5/1, ZAGREB, tel/fax: +385 1 48 10 152

54A INTERNACIA JUNULARA KONGRESO
LA 25A DE JULIO ĜIS LA 1A DE AŬGUSTO 1998
RIJEKA, KROATIO

54. SVJETSKI KONGRES ESPERANTSKE MLADEŽI
25. SRPNJA DO 1. KOLOVOZA 1998.
RIJEKA, HRVATSKA

Okaze de la IJK en Rijeka la Kroata Poŝto anoncis la aperigon de speciala telefonkarto. Jen unu el la proponoj por la telefonkarto, kiun desegnis Tea Janković.